

# PENSEO

*N-ro 165*

*Julio/2005*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm**

## Originaĵoj

# La Kapo de Cikatrulo

Ebudano

Antaŭ pli ol dudek jaroj, al nia vilaĝo frekventis mezaĝa kastristo por porkidoj. Laŭ la dialekto, li ne estis nia samprovincano. Oni ne sciis pri liaj vera nomo kaj hejmloko. Ili do simple nomis lin Cikatrulo, ĉar sennombraj kavetoj kovris lian tutan vizaĝon.

Kvankam ĉiuj plenkreskuloj opiniis lin afabla kaj bonkora, tamen por ni infanoj, precipe knabetoj, li estis multe pli timinda ol tigro. Kiam nia petolemo ĉagrenis la plenkreskulojn, ili do timigis nin per tigroj aŭ lupoj. Vidante tion ne tre helpa, ili do ekminacis per Cikatrulo, la kastristo. Ĉiam ajn, tio povis teni nin kvietaj kaj obeemaj almenaŭ por momento.

Ĉiufoje, kiam ni knabetoj vidis lin de tre malproksime, ni sinprokraste forkuris aŭ kaŝis nin de io por ke li ne vidu nin. En la okazo, ke ni estis tro proksima al li por forkuri aŭ kaŝiĝi, ni do forte premis nian subventron per ambaŭ manoj kaj timeme sed ŝajne ameme vokis lin Avo kun peto: "Avĉjo Cikatrulo, min ne kastru. Mi estas bona knabo." Tiam li ofte milde palpis al ni la kapon kaj metis la alian manon en sian poŝon. Tio ja estis timinda, kaj ni ofte estis tro timigita por forkuri aŭ ekplori. Sed ne malofte, anstataŭ la tranĉilon, li elprenis por ni bombonojn. Tiam, manĝante lian dolĉan bombonon, ni kontraŭvole vokis lin avo, kaj samtempe fiksrigaridis lian mildan vizaĝon kun espero en la koro, ke li ne plu metu sian manon en la poŝon.

Pri tio, la knabinetoj ja estis tre feliĉaj, ĉar ili havas nenion por fortranĉi, kaj ili eĉ ofte sin defendis per proklamo, "Se vi malestus min, mi diros al Avĉjo Cikatrulo, ke li kastru vin." Mi vere enviis la knabinetojn, kaj ofte riproĉis mian panjon kun ploro, ke ŝi naskis min knabo.



Tamen en iu periodo oni ne plu vidis la Cikatrulon. Oni eksopiris al li kaj maltrankviliĝis vidante siajn porkidojn ne kastritajn. Iuj supozis, ke li estis eskortita al sia hejmloko, dum la aliaj opiniis, ke io malbona trafis lin. Baldaŭ alvenis timinda novaĵo, ke Cikatrulo estis murdita kaj oni trovis lian kapon en la kampo de terpomo. Tio ege malĝojigis la plenkreskulojn, ĉar en nia regiono estis neniu alia kastristo krom li, tamen plezurigis nin knabetoj. En la komencaj kelkaj tagoj, kiam ni renkontis unuj al la aliaj en la amiketa rondo, la unuaj vortoj ja estis, "Ĉu vi scias, ke la Cikatrulo estas morta? Li

ne plu venos kastri nin." Tamen, la ĝojinda afero donis al ni pli da turmentiĝo. Pro la novaĵo, la virinoj ne plu aŭdacis iri el la vilaĝo, kaj la plenkreskuloj ne plu permesis nin ludi en fora loko aŭ malfrua vespero, timante, ke ni fariĝus aliaj viktimoj de murdistoj.

Tiu maltrankviliga situacio daŭris pli ol unu jaron antaŭ ol la Cikatrulo eksteratendite aperis en nian vilaĝon. Li tute ne murdiĝis, sed nur estis fermita kelkan tempon por ke oni "fortranĉu lian voston*". Ho, li eĉ havis voston! Sed kial ni ne rimarkis tion antaŭe? Ni ne povis deteni nin de miro kaj scivolemo. Tio ja estas la afero, kiun mi ekkomprenis nur post multaj jaroj.

Do kiel ekaperis la onidiro, ke lian kapon oni elterigis en la kampo? Iom post iom mi trovis la originon de tio. La kaŭzo estas tre simpla, sed iom surpriziga. En iu loko ne tre malproksime, oni sin okupis en elterigo de terpomoj. Subite oni trovis terpomon grandan kiel bovlo. Iuj asertis laŭte, ke tiu rara terpomo tre similas al la kapo de Cikatrulo. Dum ili kolektiĝis ĉirkaŭ la eksterordinara terpomo rigardante kaj ŝercante, iu preterpasanto hazarde kaptis fragmentojn de oniaj babiloj kaj supozis, ke la Cikatrulo estis murdita. Jen kial la simpla sensencaĵo kaŭzis grandan sensacion en nia regiono.

Pli ol dudek jaroj jam forpasis ĝis nun, tamen mi neniam forgesis pri la Cikatrulo, kiu jam mortis delonge. La kialo estas tre simpla. En mia vivo ne tre longa, ofte aperas tiaj aferoj, kian kaŭzis la kapo de Cikatrulo. De tempo al tempo ankaŭ mi fariĝis inicianto aŭ viktimo de tio. Tio ofte dronigis min en longtempa meditado. Kial oni nur emas sin kaĝigi en sensencaj imagoj aŭ onidiroj, sed ne volas meti sin en esploro kaj pripenso pri la vero?

*"Fortranĉi voston"

Iama politiko en Ĉinio, kiu malpermesas al oni sinprofitigi per kromokupo, opiniante tion "la vosto de kapitalismo"



## Hajkoj

### Xiong Linping

Enmane koko
Surdorse beb'ŝi iras
Al hejmoloko

Pridubas kapo
Sed allogiĝas korpo
Fieras trompo

Lunlumo brilas
Paŝsonoj ĉe pord' monte
Ekbojas hundo

## He Shanchuan

## Statuo en Pluvo

kun larmoj sur vizaĝo plena via
vi staras tuj en mia fronto
ĉe ĉi momento venas mi, eniras
en vian vastan rigardkampon
ĉu ti' rilatas ne al l' amo?
en multejara perfektiĝ' asketa, ĉu vi

jam venas al kompren’ vekiĝe:
folioj sen distingo de sezonoj flugefalas

pluvado estas kant’ de nuboj
kaj l’ sonĝo de l’ ĉielo
en la pokalaforma flor’ de l’ vivo
pleniĝas perloj de l’ feliĉo
ĉu inter mi, vi
ekzistas la muziko
neeble rifuzanta nokt-alvenon
la nokt’ malluma naskas nian amon pluan

Ni Ankoraŭ Troviĝas en la Ĥato
kvankam pasis mil kaj unu noktoj
ni neniam nian amrakonton ĉesas
daŭre rakontadi

ne plu homoj povas iri en arbaron nian
ĉar neĝeg’ la monton hermetikas
ĉiuj trajnoj veturantaj en direkto nia
jam senlime prokrastiĝis

ni daŭrigos nian rakontadon
ne neĝego por ni
’tas neeltenebla
ni ne en ilia ludo partoprenu

eĉ per neĝo kaj glaci’ de okcent montoj
oni povus ne frostigi birdĉirpadon
eĉ per bombardad’ de atombomboj naŭcent
oni povus ne redukti nian ĥaton al la tero

eĉ en peĉ-mallumo
ankaŭ ni ja povas vidi
inter ĉiuj dioj, nur ŝin
aspektantan bele kiel flor’ kaj jado



## Abrikotfloro

Aŭdiĝis pordfrapado.
Virin’ envenis kun malsekaj haroj.

“Kio, Ĉonj’, okazas al vi,?” mi demandis.
“Nur abrikotflor’ kuraĝas amfuĝi, vi diris.”

Tage kun fraŭlinoj ludis mi en ĉirkaŭurbo,
vidinte abrikotan arbon,
tiujn vortojn mi ververe diris.

“Abrikotfloro mi ja estas!” Ĉonj’ asertis,
kiam aŭdiĝis pordfrapad’ alia.



## Nebulo

la supla korpo
de kato
sur la trankvila akvsurfaco
kviete kaj malpeze
ŝtelrampis eble
por ne surprizige dispecigi
la lunon en la akvo

mi, profitante
la lumon de nuberoj surĉielaj
sekrete kaj sekrete
okulojn miajn levis por ŝin vidi
tra la gaztuko laktkolora
pupiloj nigraj esprimplenaj
min estis manĝantaj

## Leteroj

La leteroj de vi poŝtsenditaj
estis disŝiritaj de mi
kaj pulpitaj en kaĉaĵon
el ĝi mi faris panojn

kiam mi malsata estis
mi elprenis ilin
kaj formanĝis

## Sangruĝa Jupo

ruĝnimfeoj en basen' sub matensuno
ciklonŝajnaj dancaj paŝoj
ek kaj ek moviĝoj delikataj
brile fulmas kvazaŭ en printempa sonĝo
leĝerskuas kiel fragmittigoj
vi kantadas la senfinan kanton
mia senso vaporiĝas en kantad' varmeta
kiel se enpluva arbo tremis en printempa
frosto

en okuloj miaj, via tuta korpo sanktas

## Do Trinku Teon Kiam Venas

### Tempo por Te-trinkado

aŭ densa aŭ maldensa, teo infuzitas
en sopiregon de soifo
l' esenco de ĉiel' kaj ter' eliĝas lante
patrino mia elkampara diris, ke ĝi povas
klarigi okulparon, kvietigi l' koron
dum la aromo tea el hejmloka monto
cirkulis tra la korpo
subite la nebulo densa malaperis el la vido
ŝajnigis ĉio
ververe kiel tefolioj disvolviĝis ankoraŭfoje

ne surprizige, en la templo antaŭ ok jaroj
vizaĝe al mi parolema sidis
longtempe la abato
certigis al mi unu frazon
*do trinku teon kiam venas tempo por te-trinkado*

esperantigis **Vejdo**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_